# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO XXI, n-ro 1
januaro-aprilo 1982

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)


## Okaze de la 100-jariĝo de la granda pentristo Pikaso



La fama pentraĵo de Pikaso "Gernika" jam estas en Madrido, en la patrolando de la pentristo. "Gernika" estas aprezata kiel plej valora dokumento kaj armilo, per kiu ĝia aŭtoro montris la kruelaĵojn de Franko kaj per kiu defendis la bravan hispanan popolon dum 1936 - 1939, kaj post tio. "Gernika" estas fortega protesto kontraŭ la milito, la rasismo, la despotismo, alportantaj al la popoloj nur suferojn, detruon de valoraĵoj, kaj la nuklean militon - pereon de la homaro, de la terglobo. Tiel aprezas la pentraĵon ankaŭ nia popolo en malgranda Andoro.

Robert Castelo

## Semajno de senarmigo en unuiĝintaj nacioj

KIEL EKSĈEFMINISTRO OLOF PALME VIDAS LA SENARMIGON

La semajnon de 24-30 de oktobro 1981 Unuiĝintaj Nacioj deklaris kiel "Semajno de la senarmigo." Dum tiu semajno multaj manifestacioj favore al la senarmigo okazis en la sidejo mem de UNO

kaj ankaŭ en multaj aliaj lokoj de Novjorko kaj aliaj urboj en la mondo. Ankaŭ la Novjorka oficejo de UEA okazigis bone vizititan kunvenon, en kiu oni diskutis la eblan kontribuon de la esperantistaro al la senarmigo. Tiu ĉi artikolo, diskoniganta la ideojn de senarmigo, estas plua formo de nia konlaboro kun la laŭdindaj klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj.

Inter la okazaĵoj en la novjorka sidejo de UNO eble la plej rimarkinda evento estis parolado de Olof Palme, eksĉefministro de Svedio kaj ĉefo de Sendependa Internacia Komisio por senarmigo, al ni bone konata pro sia favora sinteno al Esperanto. El lia parolado ni prezentas ideojn iom mallongigitajn kaj citaĵojn por prezenti al niaj legantoj la resumon de tiu grava parolado.

o

Antaŭ ĉio s-ro Palme atentigis, ke la postmilita timo de la atombomboj iom post iom malaperis, kaj la nuna homo konsideras la atoman armigon kaj eventualan atoman militon kiel ion neeviteblan, kvankam intertempe kelkaj ŝtatoj akumulis tiom da atomaj armiloj, ke ili povus plurfoje detrui la tutan homaron. La du superpotencoj amasigis kaj daŭrigas la amasigadon de pli kaj pli potencaj detruiloj, kvankam sciencistoj kaj aliaj konsilantoj klarigis al la gvidantoj de tiuj nacioj, ke amasigo de armiloj ne donas al tiuj nacioj pli grandan sekurecon, sed kontraŭe, pligrandigas la malsekurecon de la mondo, do ankaŭ de ilia propra nacio.

Jam en la nuna stadio en nur kelkaj minutoj iu ajn el la superpotencoj kapablas superŝuti la alian per atombomboj. Tamen - kio estas plej maltrankvilige - kelkaj parolas pri ebla "venko" en tia milito. Eĉ pli maltrankviliga estas la penso de kelkaj politikistoj pri "limigita" nuklea milito. Sed neniu diras kiu kapablas haltigi je certa punkto la komencitan nuklean detruon.

Fine, laŭ la diro de la sveda poltikisto, la popoloj komencis reagi, ĉar ili konsciiĝis, ke la eventuala atommilito, li-

migita aŭ ne, atingos ne nur tiujn, kiuj ĝin iniciatis, sed ĉiujn, ankaŭ neŭtralajn kaj nealiancitajn landojn. Li menciis studojn de la soveta d-ro Chazov kaj la usona d-ro Hiatt pri la efikoj de eksplodo de 20 megatona atombombo super Bostono. Ĝi postlasus 2.240.000 mortintojn, eĉ pli multe da vunditoj, blindaj, malsanaj, kiuj kuŝus senhelpaj, ĉar la kuracistaro samproporcie pereus kaj estus vundita. La akvo kaj nutraĵoj estus venenigitaj. La ĝenerala situacio estus katastrofa, senespera.

La armilkonkuro, asertis Palme, malebligas la ĝeneralan evoluon, ĉar ĝi rekte konkuras kun la evoluprogramo en la buĝeto de ĉiu lando. Krome la rezervoj necesaj por evoluo, estas antaŭ ĉio la alte kvalifikita laborforto, kapitalo kaj naturaj riĉaĵoj nun uzataj por krei pli kaj pli efikajn armilojn kaj trejni pli kaj pli da soldatoj.

La senarmigo por evoluo eble ne estas nova ideo, sed ĝi povus esti nia sola vivoŝanco. Ĉar aŭ ni daŭrigas la armigkonkuron, aŭ ni konscie kun la sama energio turnas nin al ekonomia kaj socia evoluo. Ambaŭ ne eblas.

La humanisto-politikisto Olof Palme plue ekzamenas la bedaŭrindajn sekvojn de la eventuala malsukceso de SALT, komenco de interkonsento de la grandpotencoj pri limigo de nuklea armigo. En Eŭropo la popoloj komencas konsciiĝi, ke en eventuala nova konflikto denove ili devos esti oferataj, kvankam ili relative bone interkompreniĝas, kaj malamikeco inter ili preskaŭ ne ekzistas. Tian senton spegulas la grandaj porpacaj demonstracioj en diversaj eŭropaj ĉefurboj.

Fine li resumis la bazajn konceptojn de sekureco jene:

"Nacia sekureco ne povas esti atingita per kreado de internacia nesekureco, ĉar sekureco estas nedividebla respondeco de ĉiuj. Ĝi estas atingebla nur kune kun la supozita malamiko, kaj ne kontraŭ ĝi. Sekureco estas serĉenda en kunlaboro, ne en rivaleco kaj armea supereco. Tio estas imperativo de la nuklea epoko.

"Ĉiuj nacioj havas rajton al armea defendo. Sed tridekkvin jaroj de armiga konkuro ankaŭ pruvis, ke la armea forto sola ne

sufiĉas kiel bazo por sekureco. La sekureco devus esti konsiderata el pli vasta perspektivo ol nur armea. Por individuoj, por nacioj kaj por la homaro, la sekureco havas ankaŭ ekonomian, socian kaj kulturan aspekton. Por la individuo sufiĉe da nutraĵo, laboro, ekonomia ebleco kaj certa grado de partopreno en la komuna progreso signifas pli grandan sekurecon.

Por la nacioj la bonfarto de ĝiaj civitanoj kaj la libereco strebi por naciaj celoj - kio estas la senco de la sekureco de sendependeco - povas esti minacataj de kontraŭa ekonomia tendenco same kiel de eksteraj armeaj minacoj. Tial la serĉo de komuna sekureco devas baziĝi sur komuna prospero.

"Grava aspekto de nia laboro estas esti en kontakto kun Neregistaraj organizoj. La NRO-j estas inter la plej bonaj vojoj por atingi la publikan opinion, por interesigi la homojn pri tiuj ĉi esencaj decidoj pri nia estonto. Kaj tio estas necesa pro pluraj kialoj. Ekvilibrita senarmigo povas esti atingita nur tra intertraktado. Kaj por ke tiuj intertraktadoj estu sukcesaj por igi la rezultojn akcepteblaj kaj akceptataj, la popolo devas ilin partopreni.

"Albert Einstein iam avertis kio okazus se la popolo ne partoprenus, se la popolo ne reagus. La politika apatio de la homoj en paca tempo indikas, ke ili volonte lasos sin gvidi al la buĉejo poste. Ĉar hodiaŭ ili ne havas eĉ la kuraĝon doni sian subskribon por senarmigo, ili estos devigataj verŝi sian sangon morgaŭ. Tiu ĉi estis intenca provoko flanke de tiu grandulo. Nun, fruntante la faktojn, mi estas konvinkita ke la popolo reagos, ke la homoj postulos la haltigon de la armigkonkuro kiel sian rajton. Jam en 1959 prezidento Eisenhower asertis:

"Mi volas kredi, ke la homoj en la estonto faros pli multe por antaŭenigi la pacon, ol niaj registaroj. Vere, mi opinias, ke la homoj volas la pacon tiel forte, ke plej bone estas ke la registaroj cedu al ili kaj havigu ĝin al ili."

"Tio ĉi estas defio kaj kuraĝigo al la Neregistaraj organizoj."

La supran materialon la redakcio ricevis de la Oficejo de UEA en UNO kun peto publikigi ĝin.

## KRUELA MORTIGO DE NEDERLANDAJ ĴURNALISTOJ EN SALVADORO

La brava kaj liberama salvadora popolo batalas kontraŭ la reakcia registaro por libero, progreso kaj socialaj rajtoj. La barbara registara armeo, helpate de usonaj militkonsultantoj kruele mortigas senkulpajn geavojn kaj infanojn, gejunulojn kaj vilaĝanojn, strebante venki la ribelantajn batalantojn de la popolaj armtaĉmentoj "Farabundo Marti".

La lasta kruelaĵo de la armeo, kiu ekscitis amasan proteston de indigno kaj kunsento ne nur en Nederlando, sed en la tuta mondo, estas la senhonesta, embuska murdo de kvar nederlandaj ĵurnalistoj, senditoj de la nederlanda televido. Per siaj informoj kaj filmoj ili honeste rakontis pri la kruelaĵoj de la salvadoraj reakciuloj kontraŭ la batalantaj ribelantoj. La nederlandaj korespondantoj estis terure inkviziciitaj kaj mortpafitaj. Ilia kolego, avertita pertelefone, ke oni mortigos lin, se li ne foriros de Salvadoro, eskapis, fuĝinte en Meksikion. Ĉiuj eksterlandaj ĵurnalistoj, por savi sin, forlasis la landon.

Sed nek la persekutoj, nek la mortigoj fermos la buŝojn de la honestaj ĵurnalistoj kaj homoj diri kaj defendi brave la veron.

## LA ESPERANTO-ĴURNALISMO KAJ LA JUNULARO

(Daŭrigo kaj fino)

Specifo de la nuna juna generacio estas la strebo al certa komforto en la laboro kaj hejma vivo. Kaj en okupoj de sia libera tempo (eksterlabora tempo) ĝi ŝatas unuigi "agrablon kun utilo". Do, por novaj klubaj kunvenoj jam ne konvenas longaj prelegoj kaj ardaj daŭraj pridiskutoj de detaloj. La junaj preferas rapidkuran interkonsenton kun liberaj manoj por elmontri iniciativecon tiel, kaj la prelegoj devas esti mallongaj infoformoj en ilustra formo per trafaj faktoj kaj kaptaj vortoj, ekspresaj aprezoj per koncizaj eldiroj. Kaj en ĉiuj epokoj la junularo adeptis movon, diversstilajn amuziĝojn, dancojn, kantojn, muzikon, ekskursojn, ekstravagancajn elpensaĝojn, liberajn ludojn kun kuroj, kaptoj, krioj, kisoj ktp. Ŝekve la juna generacio de la Esperanto-ĵurnalistoj ellaboros respektive novan stilon. En la gazetoj dominos mallongaj ilustraj, spritaj, frapefikaj eseoj, komunikoj, notoj, kurtaj rakontoj kun surprizaj figuroj, profundenha-

vaj pensoj, ideoj, konsiderој,konkludoj.

Estas natura fenomeno, ke la vastigo kaj multigo de partoprenantaro portos kun si neceson de facilaj tekstoj (krom serioze sciencaj kaj elokvente beletraj). Sendube troviĝos iuj kolektantoj. Iuj interesiĝos pri insignoj kaj glumarkoj, aliuj - pri specifoj kaj detaloj de la lingvo kaj la movado, portretoj de renomaj homoj en iu sfero, triaj - kolektoj de ĉiuj versaĵoj de iu poeto dissemitaj tra ĵurnaloj, kvarajpri trafaj esprimoj, proverboj, aforismoj, flugilaj frazoj ktp. Aperos fajnaj noveloj, larĝiĝos la amuza parto de l'preso (karikaturoj, anekdotoj, rebusoj, ŝaradoj, akrostikoj, logogrifoj, anagromoj, enigmaj bildoj ktp,pli viva lingvo en priskribo de eventoj kaj vojaĝaj notoj. Ĉar Esperanto estas precipe kaj nature lingvo de turistoj, diskonigo de gravaj kaj amuzaj epizodoj el la Esperanto-movado kaj praktiko,priskribo de tendaroj, studrondoj, laborbrigadoj per rimedoj de la beletro, diskuttribunoj, recenzoj, konsultoj, biografioj de elstaraj Esperanto-agantoj. Precipe grava estas la rolo de personoj, kiuj samtempe estas ĝenerale socie kaj nacie aprezataj renomuloj kaj E-aktivuloj (kiel Jule Verne, Anatole France, Romain Roland, Ciolkovskij, Berg, Didriĥson, Taneev, Obruĉev, P..vski, Pavlov, Tuvim, Gorki, Bertalan Farkaŝ, Aisberg, Gernet,Giuseppe Dozza, Franz Ionas, Vincent Auriol k.a.).

Por la nova generacio grandparte liberiĝos la tempo,kiun la veteranaj generacioj elspezis por propagandi tradicie facilan, belsonan, neŭtralan lingvon sen esceptoj, malregulaĵoj, limigoj kaj refuti diversajn sensencajn kontraŭ-E-argumentojn, disputi pri preferindaj formoj kaj vortoj de Internacia Lingvo. La lingvo jam ekzistas, jam estas fiksita en multvoluma literaturo. Do, forestas ŝanco por esprimo de personaj plaĉoj-malplaĉoj. Sekve la nova generacio jam povas koncentri sian energion kaj aktivadon en promocio de la lingvo en la sferojn de pozitiva servo al la kulturo, precipe kontentigo de informaj bezonoj por respektivaj grupoj, rondoj, tavoloj kun respektivaj celoj.

Tiamaniere oni povas atendi ke la nova generacio kreos Akademion de Sciencoj, pri kiu revas pli aĝaj veteranoj, kaj federacion de E-beletraj organizoj aŭ eble (laŭ modelo de GDR-Kulturligo) kreos pli vastan asocion de diversaj kreagantoj.

Nun la centro de gravito estos urĝe metita al ellaboro de scienca terminologio por sukcesa laborigo de Esperanto en la sfero de la scienca informado, sciencaj komunikaĵoj, referatoj kaj resumoj de la sciencaj laboroj nacilingvaj - de unu flanko - kaj kreo de mondstandardaj beletraĵoj (romanoj, rakontoj, poezio, noveloj) - de la alia. La sciencista nivelo de la nova generacio estos sendube multe pli alta ol tiu de la pasintaj generacioj. Ĉar ni eniris jam la epokon de la Scienco kaj Tekniko. Oni vidas jam nun grandan aktivadon de cibernetikistoj, komputilistoj, matematikistoj, ĥemiistoj, hidrofakuloj, biologoj, medicinistoj k.a. Kaj la lingvo jam nun estas tiel riĉa kaj esprimopotenca, ke oni eĉ malofte tion povas prezenti al si. Ĝi entenas tiajn l-

ingvotrezorojn, kiuj postulas por kolekto kaj asimilo, aŭ recirkulo junajn kreajn fortojn, ĉar necesas trastudi multegajn tekstojn por ekstrakti perlojn.

La lastaj jaroj estis precipe markitaj per amasa forpaso de Esperanto-veteranoj. Nur en USSR forpasis sciencistoj A.Berg,S.Ĉeñotin, E.Bokarev, D.Armand k.a. kaj beletristoj K.Gusev, S.Rublev, A.Logvin, L.Jevsejeva, F.Gumilevskij, H.Drezen, A.Sidorov k.a. Tiaj E-veteranoj. kiel ADA,I. Dobrev,I.Sarafov k.a.forpasis en Bulgario.

Certe,vasta alfluo de nova generacio paralelas kun mallevigo provizora de la nivelo.Sed la fenomeno de nivelo estas en konstanta movo. Kaj ĝi estas precipe de la veteranoj. Kontribuo de E-ĵurnalistoj al tiu problemo estas precipe grava. Oni devas imagi la realon de l'IL en la praktika servo de la proksima estonto. Kaj tiam oni povas prezenti al si la laboron de la E-generacio ĉe la sojlo de la 100-jara jubileo kaj post ĝi. Oni povas imagi, ke la festo de 100 jariĝo estos multe pli perceptata socie, ol la ĝis nun pasintaj aliaj jubileoj.

Evidente la 100-jariĝon celebros la 72-a UK, kiu okazos plej verŝajne en Varsovio, kie la vivo reakiris sian kutiman trankvilan paŝon. Sed tio estas parada flanko. Pli intensa estos la ĉiutaga laboro de UNO kaj UNESKO, kie la 33-jara praktiko donos jam fekundajn fruktojn. Plivastiĝos dulingvaj kongresoj laŭ ekzemplo de la cibernetikaj (Esperanto kaj la nacia lingvo de la kongreshejmo). Oni povas antaŭvidi aperon de gazeto kun semajna eldonciklo, sed precipe la senbrida fantazio povas antaŭvidi eĉ ĉiutagan ĵurnalon. Nature, tio estas la zorgoj kaj sukcesoj de E-ĵurnalistoj. Plej verŝajne la nesto de simila presorgano estos en unu el la socialismaj landoj, plej probable en Hungario. Kaj tio devigos ĉiujn asociojn rekonstrui sian laboron laŭ la E-ĵurnala ciklo anstataŭ la nuna laŭ-UK-a jara.

En kiu sfero oni povas atendi plej urĝan neceson de Internacia Lingvo? La specifo de IL estas ligita, certe, kun informservo-tradukservo-poŝtservo,do evidente la plej bona sfero por IL estos la Scienc-Teknika-Informservo. La unua kuraĝa elpaŝo de iu nacia Scienc-Teknika-Informservo kun sukcesa solvo de l' problemo: rapidkura livero de la serĉata laŭtema materialo de sciencaj komunikoj (el ajnaj lingvoj) tuj kaŭzos "ĉenreakcion" de aprezo, agnosko kaj apliko kun kreo de koncernaj pagataj "kontoroj". Ĉar ĉio ĉi dependas de informitaj sciencistoj, oni povas atendi tiun "trarompon"en la sfero de l'cibernetiko. Tute ne hazarde la prezidanto de la Cibernetika Konsilio de USSR-SA akademiano Aksel Berg enmetis multe da penoj por promocio de Esperanto en la cibernetikon.

Ĉio ĉi devas servi kiel prognoza etudo por la E-ĵurnalismo kun celo de kunmeto de programo, t.e.farendaĵoj en ĉefaj branĉoj de l'E-kampo kaj precipe la E-ĵurnalismo, kiu devas havi akutan vidkapablon por la estonto. La rolo de la Scienco kaj la sciencistoj estas ĉefa premiso de ĉiuj lastatempaj sukcesoj de Esperanto.

N. DANOVSKIJ

BULGARIO - ANTIKVA KAJ NOVA

Multaj eksterlandaj esperantistoj havas propran ideon pri Bulgario - lando de la du el plej amase vizititaj universalaj kongresoj de Esperanto. Per la jenaj linioj mi dezirus altiri la atenton de la tuta monda esperantistaro al tre rimarkinda jubileo. Temas pri 1300-jara jubileo de la bulgara ŝtato. Oni ĝin festos ne nur en Bulgario, sed ankaŭ en dekoj da landoj tra ĉiuj kontinentoj. Tiucele jam estas kreitaj specialaj komitatoj frunte kun elstaraj ŝtatistoj kaj konataj al la publika opinio personecoj.




Ni esperantistoj principe kaj firme agnoskas la rajton de ĉiu popolo vivi pace, aranĝi sian internan sociordon laŭ propra koncepto, konkuri kun ceteraj popoloj sur la vastega paca areno de ekonomiaj kaj kulturaj atingoj. Per la helpo de Esperanto ni konscie kontribuas al populararigo de diverslandaj kulturaj fenomenoj, kiuj siaflanke helpas tre serioze la reciprokan konatiĝon, interkomprenigon kaj pacan kunlaboradon de popoloj kaj ŝtatoj.

Dum la lastaj jaroj kelkaj landoj festis rondajn jubileojn de la fondiĝo de siaj ŝtatoj: Usono - 200-jaran, Aŭstrio kaj Pollando - 1000-jaran.

La bulgara popolo unua inter la slavoj kreis en 681 p.k. propran ŝtaton kaj troviĝas inter la unuaj eŭropaj popoloj, kiuj post la subiro de la antikveco, kreis siajn ŝtatojn.

La kreo de ŝtato kontribuis al formiĝo de bulgara popolo, al konstruado de rimarkinda mezepoka kulturo. Ĝi malfermis la vojon al etna, sociala, politika kaj kultura evoluo de la bulgara popolo por jarcentoj antaŭen.

Ĉiu popolo posedas propran historian pasintecon, kulturan kaj spiritan vivon. Sed en la historia evoluo de popoloj kaj civilizoj daŭre ekzistas kontinueco kaj reciproka interligiteco. Bulgario ankaŭ trovis sian lokon en tiu kontinueco kaj ludis rolon en la internacia kultura kaj spirita proceso.

La bulgara ŝtato aperis kiam la Romia imperio disfalis kaj la popoloj transiris al feŭda sociordo. La ŝtato antaŭgardis la balkanajn slavojn de asimilado en la Orienta romia imperio (Bizanco) kaj iniciatis la proceson de kunfandiĝo de prabulgara kaj slava etnoj, kiuj ĉefe formis la bulgaran nacion.

Dum sia historia vivo Bulgario faris rimarkindajn kontribuaĵojn al la internacia kulturo kaj spirito. Jen almenaŭ kelkaj ekzemploj.

Dum mezepoko oni diservis nur en tri lingvoj, nekomprenataj de la eklezianoj. La sanktaj fratoj Cirilo kaj Metodio kreis en la fino de 9-a jarcento p.k. malnovslavan alfabeton. Ili tradukis la ekleziajn librojn en kompreneblan por ĉiuj slavoj parolatan lingvon (malnovbulgaran). La epokfara agado de ambaŭu fratoj prezentis vere kulturan revolucion. La papo vokis Cirilon en Romon esplori lin antaŭ eklezia tribunalo. Sed la tezo de Cirilo venkis kaj la nova diserva lingvo estis oficiale agnoskita.

En mezepoka Bulgario aperis inter la vastaj popolamaso fortaj progresemaj protestmovadoj en religia formo (bogomiloj). Ili transsaltis la limojn de Bulgario kaj sub aliaj nomoj disvastiĝis en Italio, Francio k.a. okcidentaj landoj.

En la nova historio de la homaro Bulgario donis monde faman ekzemplon de batalpreteco por progreso, demokratio kaj paco en la persono de Georgo Dimitrov, luktinta kontraŭ la nazia retrogrado en Germanio. Plej freŝa scienc-kultura kontribuo de nia lando estas ĝia aktiva partopreno en la esplorado kaj utiligado de kosma spaco. Bulgario fariĝis la 18-a membro de la kosma "klubo" inter pli ol 170 suverenaj ŝtatoj en la mondo kaj apud du plej fortaj landoj de nia nuntempo - Usono kaj Sovetunio.

Siaflanke la bulgara popolo estas tre sentema al la blovo de novaj progresemaj ideoj naskiĝintaj en aliaj landoj. Ĝi akce-

ptas ilin en sian propran idean trezorejon. Ekzemple, por ni esperantistoj estas tre konsiderinda la fakto, ke Bulgario, ĵus liberiĝinta el sub kvincentjara sultana jugo, akceptis varme la ideon pri internacia lingvo. Multaj inteligentaj bulgaroj studis Esperanton. La bulgara intelektularo daŭre simpatias al nia movado. Ne hazarde ankaŭ la ŝtato donas konstantan moralan kaj materialan subtenon al la landa kaj internacia Esperanto-movado. Tion povis mem konstati miloj da kongresanoj, vizitintaj la 48-an kaj 63-an UK de Esperanto.

La bulgara popolo festas sian historian jubileon ne por fari simplan ekskurson en sian pasintecon. Lige kun la jubileo ĝi mobilizas ĉiujn siajn moralajn kaj materialajn fortojn por atingi pli altan ŝtupon de science bazita vivnivelo en atmosfero de internacia malstreĉeco, paca kunlaborado kaj sekureco de ĉiuj popoloj kaj ŝtatoj.

Ni esperas, ke niaj eksterlandaj samideanoj popularigos per informoj kaj artikoloj aŭ alimaniere nian ŝtatan jubileon. Ankaŭ la esperantistaj societoj kaj kluboj povus dediĉi iom da tempo por trakti tiun temon, precipe per rememoroj de partoprenintoj en la UK en Bulgario. Je ilia dispono estas la bulgaraj kulturaj centroj kun materialoj kaj filmoj aŭ la kreitaj porokazaj komitatoj en multaj landoj. La libroamantaj samideanoj certe kun granda ĝuo relegos almenaŭ parte la plej faman bulgaran romanon "Sub la jugo" de Ivan Vazov, aŭ la verkon "Apostolo de libereco" de angla aŭtorino Mercia MacDermott, ambaŭ tradukitaj en Esperanto. Neniu bedaŭros pro vane perdita tempo...

Sofio

NIKOLA ALEKSIEV,
Honora membro de UEA

## LA VICPREZIDANTO DE TEĴA D-RO TADROS MEGALLI - 70 JARAĜA

Nia egipta samideano D-ro Tadros Megalli, loĝanta delonge en Germana F.R., festas sian sepdekjaran naskiĝtagon.



D-ro Megalli lernis Esperanton en 1928, 16-jara pere de koresponda kurso, kiun organizis tiam la Esperanto-grupo en Port Said. En 1931 li aranĝis publikan prelegon por Joseph Scherer el Usono, delegito de U E A. kiun prelegon ĉeestis pli ol 200 personoj. Poste li gvidis kurson kaj fondis E-grupon "La Frateco" en Fajum, gvidis perkorespondan kurson, aktive laboris, pubkigante artikolojn pri Esperanto en diversaj arabaj gazetoj. La Enciklopedio de Esperanto, eldonita de Literatura Mondo en Budape=sto en 1933 skribis sub EGIPTIO jenon: "grandan meriton por sia senlaca laboro akiris Tadros Megalli el Fajum, kiu fariĝis la efektiva gvidanto nuntempa..."

Dum la dua mondmilito Megalli translokiĝis al Kajro, kie la kampo por Esperanto-laboro estas pli granda. Tie li gvidis kelkajn kursojn ĉe IMCA, kristana asocio por gejunuloj. Dum la milito estis multaj esperantistoj el diversaj landoj - soldatoj kaj oficiroj el Britlando, Usono, Grekio kaj aliaj landoj. Li kolektis ĉiujn en unu klubon de soldatoj nomitan "VICTORI KLUB", kie li gvidis kelkajn E-kursojn por komencantoj, organizis du naciajn E-kongresojn kaj refondis la Egiptan Esperanto-Asocion.

Post sia vizito al la Universala Esperanto-Kongreso en BPURNEMOUTH 1949 Megalli komencis prelegvojaĝon en Svedio, Danlando kaj aliaj eùropaj landoj kaj en Egiptujo, montrante filmojn kaj lumbildojn. La prelegojn li faris en Esperanto kaj oni tradukis. En 1952 li lernis germanan lingvon kaj komencis prelegi germanlingve pri Esperanto kaj Egiptujo. Dum 30 jaroj li prelegis en lernejoj, universitatoj kaj kulturaj societoj pli ol 3000-foje.

D-ro Megalli ankoraù aktivas. Estas delegito de UEA por 8387 Rossbach FR Germanio kaj ankaù por Kairo, Egiptio. Ĉiujare li pasigas tri monatojn en Egiptio, kie li gvidas kursojn. En 1972

d-ro Megalli, dum UEK en Londono estis elektita kiel vicprezidanto de TEĴA - Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio.

La Estraro de TEĴA kaj la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto" varme gratulas d-ron Tadroŝ Megalli, okaze de lia 70-jara jubileo, bondezirante al li longdaŭran vivon, sanon kaj aktivadon en lia nobla por- kaj peresperanta kaj ĵurnalista agado.

---

## GRAVA FORUMO DE IOĴ

En oktobro pasintjare en Moskvo okazis la 9-a kongreso de la Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj. Tiu aŭtoritata organizaĵo, fondita en 1946 jaro, unuigis la fortojn de pli ol 150 000 niaj kolegoj de pli ol 117 landoj de la tuta mondo.

La delegitoj - reprezentantoj de siaj landaj profesiaj organizaĵoj - pridiskutis tre gravajn erojn de la tagordo rilatantajn la ĵurnalistan profesion kaj moralon, ties laboron kaj internacian kunlaboradon. Oni unuanime protestis kontraŭ la mankojn de libereco por la profesia agado de la ĵurnalistoj kaj kontraŭ persekutado de progresemaj ĵurnalistoj en iuj landoj kun reakciaj registaroj kiel Ĉilio, Salvadoro, en Suda Afriko k.a. La kongreso eldiris sian aŭtoritatan voĉon kontraŭ vetarmado kaj la nukleaj, bakteriologiaj kaj venenigaj armiloj, kiujn produktas kaj instalas en Okcidenta Eŭropo la usonaj militaristoj.

Post la diskutoj la grava internacia forumo, la delegitoj per alvoko sin turnis al ĉiuj ĵurnalistoj en la mondo - laborantaj en la amasaj informrimedoj - en la gazetaro, radio, televido ktp aktiviĝi kaj streĉigi siajn fortojn en la batalo por la konservo de la tutmonda paco, en la defendo de la persekutataj ĵurnalistoj, por libera interŝanĝo de informmaterialoj.

La kongreso elektis gvidorganojn de IOĴ.

### DEFENDE AL PERSEKUTATAJ ĴURNALISTOJ

En la bela marborda urbo Varna (Bulgario) en oktobro j.p. okazis internacia forumo por defendo de la persekutataj progresemaj kaj demokratiaj ĵurnalistoj. La forumon partoprenis delegitoj de 23 naciaj ĵurnalistaj organizaĵoj de Eŭropo, Afriko kaj

Latinameriko kaj ankaŭ de ses internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj. La prezidanto de la Ŝtata Soveto de Popola Respubliko Bulgario Todor Ĵivkov perletere tutkore salutis la delegitojn, bondezirante al ili fruktodonan laboron.

En la kunsidoj de la internacia forumo estis montritaj pluraj faktoj de antidemokratiaj reprezalioj kontraŭ la progresemaj laborantoj en amasmedioj, malgraŭ la klopodoj de UNESKO favore al la persekutatoj. Reprezentantoj de la Internacia Asocio de juristoj-demokratoj, de la Ĝenerala federacio de laboro en Francio, de IOĴ k.a. subtenis la decidon de la forumo en Varna mobilizi la fortojn de ĉiuj ĵurnalistoj kaj homoj en la mondo en defendo de la ĵurnalistoj, persekutataj pro ilia honesta kaj aktiva labro favore al la vero, al la progreso kaj paco.

## ĴURNALISTA KRONIKO

Antaŭ nelonge okazis en Sofio LA SESA LANDA KONGRESO DE BUGARA ĴURNALISTA ASOCIO. Oni pridiskutis la agadon de la asocio dum la pasintaj kvin jaroj. La delegitoj manifestis grandan aktivecon dum la diskutado. Aprezante la pozitivaĵojn, oni kritikis la mankojn en la agadperiodo kaj faris konkretajn proponojn pri plua plibonigo de la asocia laboro.

Ĉeestis reprezentantoj de ĵurnalistaj asocioj el eksterlando, same la prezidanto de la Internacia organizaĵo de ĵurnalistoj-IOĴ - Prago.

En la nova refreŝigita asocia estraro estis elektita ankaŭ nia redaktoro Nikola Aleksiev, kiu ricevis konkretajn taskojn en gvidado de la Krea fonduso de la asocio.

## GAZET-FESTADO

PARIZO. La redakcio de konata franca gazeto "L'HUMANITÉ" starigis jam depost 1930 belan ĉiujaran tradicion: publika kaj amasa festado de la gazeto.

La laŭvica festo okazis en publika parko apud Parizo kaj pasis brile. La feston vizitis gastoj el 54 landoj.

TORINO. En tiu urbo trapasis la festivalo de la ĉiutaga itala gazeto "UNITA" sub la slogano: "Por paco, malarmado kaj malp-

liigo de la internacia streĉeco".

La kultura programo de la festivalo estis notinda. Oni projekciis filmojn; eksterlandaj kaj italaj artistoj prezentis spektaklojn. Estis organizitaj pavilonoj de eksterlandaj gazetoj.

PRAGO. Dekmiloj da geurbanoj vizitis la festajn aranĝojn de la ĉeha gazeto "RUDE PRAVO", organizitaj en la parko "Julius Fuĉik". Inter ili trovoĝis ankaŭ reprezentantoj de aliaj gazetoj, korespondantoj de eksterlandaj eldonaĵoj, de la telegrafagentejo, de radio kaj televido.

RICEVITAJ ESPARANTAĴOJ

MIA VIVO - membiografia verko de Trifon Ĥristovski. Esperanta eldono de Bulgara Esperantista Asocio, tradukita de Nikola Aleksiev el bulgara lingvo. La antaŭparolon pri la konata bulgara esperantisto skribis la tradukinto, redaktis Asen Grigorov.

Ĥristovski, vilaĝano kaj aŭtodidakto, ekde sia frua infanaĝo kripla, moviĝanta nur rampante surventre, dank' al sia natura inteligenteco ellernis la internacian lingvon kaj per ĝi altigis sian klerecon, multe korespondis, skribis artikolojn, memorojn kaj verkis librojn en bulgara lingvo. Pro sia progresema agado, malgraŭ kripla, li ofte estis arestita, turmentita, inkviziciita de la bulgaraj faŝistoj. Pri tiuj ĉi liaj travivaĵoj la esperantistoj legos kun granda intereso la membiografion. Mendebla ĉe BEA.

GAEDU LA PACON - verskolekto de Asen Grigorov, 120-paĝa, eldono de Hungara Esperanto-Asocio. Enhavas: El la frutempa verkaro (de 1930 ĝis 1941; Gardu la pacon (1961-1976); Espero nia - (1970-1977); Ĉu sonĝo aŭ realo...(1963-1973); Malgranda antologio (tradukoj de bulgaraj poetoj). La maljuna jam, sed anime kaj kore ĉiam juna bulgara esperantisto-veterano, poeto kaj aganto en internacia skalo, tradukanto kaj redaktoro, kursgvidanto kaj kreanto de poetoj kaj verkistoj, batalanto kontraŭ la faŝismo kaj por la paco, verkis kaj ankoraŭ verkas kaj tradukas por ni siajn perlojn de poezio, kiujn oni kun admiro legas.

Per sia eseo postparole Venelin Mitev prezentas kun patoso kaj inspiro la homon, la esperantiston kaj poeton Grigorov kaj

ties verkaro.

GEORGO DIMITROV - skizoj kaj rememoroj dediĉe al 100 - jara Dimitrov-jubileo kaj pri Esperanto-movado kaj pacbatalo. Aŭtoro Nikola Aleksiev, redaktoro D-ro Detlev Blanke, 54-paĝa, bone ilustrita per fotoj pri la fame konata bulgara kaj internacia laborista aganto. Eldonis Bulgara Esperantista Asocio, Sofio 1982.

JORDAN JOVKOV - kun artikoloj ("La mondo de Jordan Jovkov" de akademiano Petâr Dinekov, "Jordan Jovkov ĉiam nuntempa en Dobruĝa" - de Jordan Daĉev kaj "Jordan Jovkov en Esperanto"; bibliografio pri liaj verkoj de Kr.Karucin, 24-paĝa libreto pri la granda bulgara verkisto. Eldonis: Esperantista societo "Paco" en urbo Tolbuhin, Bulgario.

NIKOLAJ KOPERNIK EN LA POLA SKULPTOARTO - 32-paĝa ilustrita verko kun antaŭparoloj de M.Dobĵinski kaj Al.Vlasnovski k.a. Eldonis: Pola E-Asocio kaj Etnografia muzeo en Torun.

EN HELPO AL LA ESPERANTISTA AKTIVULO, metodikaj indikoj pri la organiza agado de E-societoj kaj organizaĵoj - de D.Papazov, en bulgara lingvo, 40-paĝa. Eldonis Bulgara Esperantista Asocio.

RIDI VJETNAME - fabeloj, legendoj, rakontoj vetnamaj- 68-paĝa interesa libreto, Fremdlingva Eldonejo - Hanojo 1981.

VJETNAMIO: Kiaj homaj rajtoj? Eldonis Periodaĵo Vjetnama Kuriero kaj la pacdefenda Esperantista Asocio - Hanojo, 146- paĝa artikolkolekto de naŭ vjetnamaj publicistoj kaj ĵurnalistoj.

KAMPUĈIO - LA NIGRAJ JAROJ - ilustrita 156-paĝa libro pri la nigraj jaroj de genocido fare de la antaŭa registaro de Kampuĉio ĉefrunte kun Pol Pot kaj Jeng Sari, kaj materialoj de la juĝproceso kontraŭ ili en Pnompeno. Vjetnama eldono.

VJETNAMA SOCIALISMA RESPUBLIKO. Libro historia, geografia, ekonomia, politika, 272-paĝa, riĉe ilustrita, pri la brava fora lando. Eldonis en Hanojo Freldlingva Eldonejo.

FLORANTA BRANĈETO, 68-paĝa libro, enhavanta versaĵojn de Ljuba Bojaĝieva kaj rakontoj de M.Ĉobanov. Redaktis Asen Grigorov, eldonis BEA, Sofio.

ESTONA SOVETA POEZIO - verskolekto 206-paĝa, kiu montras al ni la estonan poezion en kolekto kaj la talenta traduko de la fama estona esperantistino, poeto kaj tradukisto, bedaŭrinde antaŭ

nelonge forpasinta. Estas prezentitaj 36 poetoj, kun postparolo de Jaan Toomla. Eldonejo "Eesti Raamat", tallin, Estona SSR.

oooo----oooo

## NIA POŜTO

Germain Pirlot-Belgio. Ĉio jam estas en ordo. Ni petas pardonon.

Jecza Tiberio, R.P.R., bv respondi, ĉu vi fariĝos peranto de TEĴA por Norda RPR

Marselle Robineau, Francio. Fine ni trovis vian adreson. Bv informi nin ĉu vi ankaŭ fariĝos nia reprezentanto por Francio. Kio okazas kun Tp-p E-st.

P. Antiqiera, Hispanio. Ankaŭ vin ni petas esti nia reprezentanto por via lando.

Stefan Mail, FRG. Ĉio jam estas en ordo. Ni pardonpetas.

L. Straźnickas, Litova SSR. Ni atendas kontribuaĵojn por "Internacia Ĵurnalisto".

### Reprezentantoj de TEĴA

Por Bulgario, Italio, USSR, FRG, Norvegio reprezentantoj estas la estraranoj de TEĴA. Vidu iliajn adresojn sur la lasta paĝo de "IĴ"

Rumanio - Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri N°4, Bukureŝto.

USSR-por la suda parto de la lando - Nadia Adrianova, 252123 Kiev - 173, PK 100/2 USSR, Ukraina SSR

Andora - Robert Castelo, C. Alziuare 2, Andorra la Vella, Pirineoj

Hispanio - Petro I. Antequera, Ecq. C. Verakruz 21, Kriptana - Ciudad Real.

### Ŝanĝoj de adresoj de TEĴA-noj

Marselle Robineau, 2 Rue de Pioharos, 89260 Ceignelau, Francio.
Jaan Ojalo, CU-200001 Tallin 1, USSR, Estona SSR

## ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen Box 59, 5501 Haugesund, Norvegio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv. "Borovo" bl. 219 B, 1680 Sofia, Bulgario. Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Inetrnacia Ĵurnalisto".

Tadros Megalli, D-8387 Rossebach, Untergrafendorf, F. R. Germanio.

Nikolaj Danovskij, 2266014 Riga 14, ul. Ostrovskago 4-4, USSR

Ĝenerala sekretario kaj kasisto: Dino Fabris, Borgo Rossan 5, Cittadella (Padova), Italio.

Membro - estrarano: Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul. "Asparuh" 61, Bulgario.

KIU TEĴANO VOLAS ESTI REPREZENTANTO DE TEĴA POR SIA LANDO BV TUJ INFORMI PRI TIO NIAN REDAKCION.

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680, Sofia, kv. "Borovo" bl. 219 III, Bulgario, tel. 56-58-77. Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Krâstju Karucin.